n-ro 25
1996-3
decembro 1996

# Esperanto en Azio



## Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado

eldonas: Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, prezidanto: TAKEUTI Yosikazu / ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162 Japanio / Telefono: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

redaktas DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458

*enhavo*

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

rimarko: En la Unua Azia Kongreso oni decidis forstreki la projekton Ĉ-2.

*Komisionanoj de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili estis elektitaj en la 80-a UK en Tampereo por 3-jara periodo, de julio 1995 ĝis julio 1998. Sed pro retiriĝo de Ma Yong tae CHOI Yun-huy anstataŭas la taskon.*

Prezidanto: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773

Sekretario: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012, Koreio. tel.: +82-2-682-3456. fakso: +82-2-616-1571

CHOI Yun-huy/ Yeogchon-dong 32-37, Eunpyeong-gu, SEOUL 122-071, Koreio. tel.: +82-2-355-8016, aŭ 387-0411

SYÔZI Keiko/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso: +81-3-3824-1040

ZOU Guoxiang/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

WANG Jianbing/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

# 1. Projektoj

### 1.1 Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA Por 1997

Ĉiu kandidato bonvolu skribi jenojn klare legeble kaj sendi al Japana Esperanto-Instituto ĝis la fino de januaro 1997. Kartoj ne akcepteblas kaj ne skribu pli ol 2 paĝojn. Inaj kandidatoj estas bonvenaj, ĉar en 1996 estas nur kelkaj inoj el 77.

1) Konciza sinprezento

2) Kiel mi aktivis por nia movado en 1996

3) Kiel mi kontribuos por la movado en mia regiono

*Syozi Keiko: ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokio, 162 Japanio*

### 1.2 Projekto Ĉ: Sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj

Ĉi jare KAEM elektis Anatoli IONESOV por la projekto. Li estas direktoro de Internacia Muzeo por Paco kaj Solidaro en Samarkando, Uzbekio. Laŭ la subvencio de Azia Fondaĵo de UEA laŭ Aziaj Projektoj, li partoprenis en la Unua Azia Kongreso kaj post la kongreso li havis studvojaĝon en Koreio kaj Japanio dum preskaŭ unu monato. Li dume renkontis multajn lokajn samideanojn en la vizititaj urboj, partoprenis Esperantajn kursojn kaj semiariojn kaj prelegis ankaŭ por neesperantistaj publikoj. Detalojn ni povos legi poste raportojn de li mem.

# 2. Raporto pri La Unua Azia Kongreso "Azio kaj la 21a jarcento"

### 1996-08-21~25, en Ŝanhajo




En ĝi aliĝis 584 el 18 landoj laŭ la raporto en Solena Fermo. En la kongreslibro troviĝas 486 nomoj el 16 landoj: 222 el Ĉinio, 154 el Japanio, 56 el Koreio, 22 el Vjetnamio, 6 el Aŭstralio, 4 el Francio, 4 el Pakistano, 4 el Uzbekio, 3 el Singapuro, 3 el Honkongo, 2 el Hindio (Bharato), 2 el Belgio, 1 el Germanio, 1 el Britio, 1 el Belorusio kaj 1 el Argentino. Plejparto de aliaj 98 aliĝintoj verŝajne estas ĉinoj.

Jen estas raportoj de la prezidanto kaj sekretario de KAEM:

## 2.1 *raporto de TAKEUTI Yosikazu, la prezidanto de KAEM*

En la sojlo de ĉi tiu jarcento la pioniraj ĉinaj samideanoj unuafoje semis Esperanton en Ŝanhajo, kaj nun, kiam la tuta homaro devas esti preta por akcepti la alvenon de la nova jarcento, ĝuste en la sama urbo kongresis 587 el 18 landoj, ne nur el Azio sed ankaŭ el Eŭropo kaj Oceanio. Certe la kongresanoj sentis en si la feliĉon havi grandan renkontiĝon en Ŝanhajo, kiu vartis la ĝermon de nia movado de tiu lando, flegis ĝian kreskadon eĉ en la plej malluma epoko de la historio kaj nun sin prezentas kiel fenestron de la nova Ĉinio.

Je la 10a horo la 21an de aŭgusto malfermiĝis la Unua Azia Kongreso de Esperanto en la granda aŭditorio de Komerca Centro de Ŝanhajo. TAKEUTI Yosikazu, prezidanto de Komisiono pri Azia Esperanto-Movado (KAEM), deklaris malfermiĝon de la kongreso. Sekvis salutoj: YE Gongqi (prezidanto de la Konstanta Komitato de Ŝanhaja Popola Kongreso) bonvenigis la kongresanojn al sia urbo kaj esprimis fortan esperon pri la konstanta evoluo de Esperanto en la 21a jarcento. La koron de la ĉeestantoj tuŝis la mesaĝo de Bakin (honora prezidanto de Ĉina Esperanto-Ligo kaj Ŝanhaja Esperanto-Asocio, membro de Honora Patrona Komitato de UEA), kies figuron bedaŭrinde ni ne vidis pro lia malsano. WEI Yuanshu (prezidanto de LKK) dankis la koncernajn instancojn kaj individuojn pro iliaj helpoj kaj konsiloj donitaj dum unu plena jaro. CHEN Yuan (membro de Honora Patrona Komitato de UEA) akcentis nome de ĈEL, ke kiam la tuta Azio adiaŭas la mizeran staton en la pasinta kaj kuranta jarcentoj, ni okazigas ĉi tiun grandskalan kongreson por aziaj esperantistoj, kaj ke la sindonaj strebadoj de esperantistoj sin direktu al la ĝusta vojo por akiri la plenan rajton por azianoj vivi en paco kaj feliĉo for de ajna minaco kaj subpremado. Sekvis salutoj de LI Bingqi (vicprezidanto de Ŝanhaja Federacio de Socisciencaj Asocioj) kaj DAI Weidong (rektoro de Ŝanhaja Universitato pri Internaciaj Studoj), kiuj ambaŭ esprimis sian simpation kaj subtenon al la Esperanto-movado.

Post la muzika paŭzo parolis LEE Chongyeong (prezidanto de UEA). Li atentigis pri la drasta ŝanĝiĝo de Azio politike, ekonomie kaj kulture sur kiu nia movado devas saĝe sin adapti al la bezonoj kaj postuloj de popoloj, kaj kuraĝigis la kongresanojn ke ni estas ne nur en la movado inter esperantistoj sed estu ankaŭ por gajni "amikojn de Esperanto" ekster Esperantujo. Sekvis salutoj de reprezentanoj de ĉiu nacio, kiu partoprenis en la kongreso.

Fine staris TAKEUTI Yosikazu por fari bazan prelegon pri la celo de la kongreso. Li menciis la pozitivan rolon de KAEM, kiu estis unu el la ĉefaj motoroj por efektivigi la kongreson. Li ankaŭ esperis ke la kongreso reflektos la nunan atingon de la Esperanto-movado en Azio, montros ĝustan vojon al la pli sukcesaj kunlaboroj de Esperantaj organizoj de aziaj landoj, estos renkontiĝo de esperantistoj en libera kaj demokrata atmonsfero, celos internacie malfermitan eventon de la tuta mondo kaj influos la vastan

azian publikon pruvante la utilecon de Esperanto por sendiskriminacia interkompreniĝo de popoloj kun lingva egaleco.




Abundis programeroj sub la ĉefa temo "Azio kaj la 21-a jarcento". Laboroj, edukaj, fakaj kaj distraj aranĝoj paralele okazis kaj tage kaj vespere eĉ koliziante unu la alian. Ĉar rilate al tio Puramo CHONG jam raportis perfekte, ne necesus ripeti ĉi tie. Sed nepre menciindaj estas la pozitivaj sintenoj de la ĉeestantoj en ĉiu kunsido. Iuj ofte kritikas pri la "diskretaj sintenoj" de azianoj en debato, sed ĉi tie iliaj opinilevoj estis sufiĉe viglaj. La kunsidon por reprezentantoj de landaj asocioj ĉeestis samideanoj el Ĉinio, Koreio, Pakistano kaj ankaŭ el Aŭstralio kaj ĉefe diskutis pri la Aziaj Projektoj de UEA. Ankaŭ la nuna stato de Azia Fondaĵo de UEA estis prezentita kiel unu el la temoj por pripensado. KAEM havis siajn fermitajn kunsidojn pli multe eĉ en malfruaj vesperoj ol anoncite en la kongresa libro, kaj diskutis i.a. en kiu lando okazigi la Duan Azian Kongreson. Post diskutado KAEM decidis, ke la Dua Kongreso okazu en Vjetnamio post tri jaroj, ĉefe konsiderante la geografian situacion, kiu ekonomie kaj trafike faciligos la partoprenon al pli multe da esperantistoj de "progresantaj landoj".

Ne mankis al la kongresanoj la okazoj por reciproka interamikiĝo. Rimarkinde estis ke ofte okazis la renkontiĝoj de esperantistoj el ĝemelaj urboj. Anoj el kelkaj japanaj lokaj grupoj iniciatis havi renkontiĝon kun ĉinaj amikoj el sia ĝemela urbo. Ili jen alportis mesaĝon de sia municipa magistratano, jen donacis sufiĉe da ekzempleroj da Esperantaj libroj nove eldonitaj.

La 25an de aŭgusto, en la plej lasta tago, preskaŭ ĉiuj kongresanoj entuziasme parolis pri la sukcesa rezulto de la unua granda renkontiĝo de aziaj esperantistoj. La riĉaj fruktoj, kiujn ni rikoltis en la kongreso, pruvas, ke KAEM estos bona modelo por transnaciaj kunlaboroj de esperantistoj en regiona movado, se ĝi estos tute demokrate administrata fare de la samideanoj el la landaj asocioj, kiuj fakte kaj efektive reprezentas sian landan agadon.

***(aldona raporto de redaktanto)***

En Solena Inaŭguro salutis jenaj reprezentantoj de landoj:

YAMASAKI Seiko el Japanio, LEE Nakkee el Koreio, Le Tuyet Thanh el Vjetnamio, Keppel ENDERBY el Aŭstralio, Maurice SUJET el Francio, Seed Ahmad FARANI el Pakistano, Ranganajakulu el Bharato, Yong Tet Kong el Singapuro, Donald

GASPER el Honkongo, David R. CURTIS el Britio, Atilio ORELLANA ROJAS el Argentino, Reza Kheir Khah el Irano kaj Heinz SCHINDLER el Germanio.

En Solena Fermo TAKEUTI Yosikazu prezidis. Pri la kongreso raportis Puramo CHONG kaj menciis, ke preparado de LKK kondukis la kongreson al la sukceso. DAI Song'en (vicĉefredaktoro de "El Popola Ĉinio") prezentis kelkajn mesaĝojn senditajn al la kongreso. Aŭstraliano invitis la ĉeestantojn al la 82a UK en Adelajdo en 1997, kaj samtempe esprimis la opinion, ke aŭstralianoj konsideras sin parte azianoj. Takeuti raportis pri KAEM-kunsdioj en la kongreso. SYÔZI Keiko (KAEM-ano) legis la kongresan deklaron, kiu estis aplaŭde akceptita. Atilio ORELLANA ROJAS raportis pri la rezulto de la ekzameno, ke 3 ekzamenitoj sukcesis en ĝi. Oni prezentis LKK-anojn, al kiuj KAEM-anoj donacis bukedon. Oni anoncis, ke la Dua Azia Kongreso okazos en Vjetnamio en 1999. Vjetnama esperantisto salute invitis la ĉeestantojn al la kongreso kaj la flago estis transdonita de ŝanhaja esperantisto al la vjetnama. Salutis Anatoli IONESOV, reprezentanto de Uzbekio, kiu ne povis ĉeesti en la Solena Inaŭguro, kaj kiu donacis speciale faritan grandegan panon al Takeuti kaj aliaj. Fine Takeuti salutis kaj deklaris la fermon de la kongreso.

## *2.2 Raporto de Puramo CHONG, sekretario de KAEM*

Multaj el ni eble neniam serioze pripensus pri la rilato inter ekonomio kaj internacia lingvo. Se, ekzemple, Esperanto uziĝas inter nur monhavaj homoj, Esperanto estos ne internacia, sed inter-monhavula lingvo. Tamen estas jam ĝenerala kaj reala fenomeno, ke Esperanto pli kaj pli fariĝas la nobla hobiaĵo de monhavuloj, ĉar nur ekonomie kapablaj homoj povas ĝui ĝin. Ekzemple, la universalajn kongresojn ĉiujare kiel-tradicie partoprenas centoj da japanoj, dekoj da koreoj kaj nur kelko da ĉinoj el azia regiono. La malmult-nombreco de aziaj partoprenantoj ne estas simple pro ties movada stagnado, sed multe pli pro ilia ekonomia cirkonstanco. Tiel la universala kongreso jam fariĝas la festaĵo monopolita ĉefe de eŭropanoj, ĉar strange preskaŭ ĉiam okazas la kongreso nur en eŭropa regiono, kies landanoj havas relative bonan ekonomian kapablon ol la azianoj. Estas do certe paradokso, ke monhavuloj malmulte, sed malhavuloj multe devas elspezi por ĝui la kongresojn. Ekzistas certe multe da aziaj esperantistoj, kiuj plendas, ke ili nenion povas fari krom simple legi per internacia lingvo, ĉar al ili eĉ la afranko por korespondado estas tro ŝarĝa laŭ ilia vivnivelo. Por tiuj la ideo pri partopreno en la universalaj kongresoj en Eŭropo estas eĉ ne imagebla luksaĵo.

Sur tia skeptika filozofio kaj ankaŭ pro la praktika neceseco por ekonomie malfaciluloj en azi-regionoj leviĝis la propono, ke aziaj esperantistoj bezonas sian propran kongreson por ke ankaŭ ili facile ĝuu la internaciskalan eventon sen multe da ekonomia elspezo. La propono estis plene akceptita de aziaj esperantistoj partoprenintaj en Seula Universala Kongreso en 1994. Kaj du jarojn poste, kiel ties rezulto kaj frukto finfine

okazis la historia unua Azia Kongreso en la urbo Ŝanhajo en 21-25a de aŭgusto 1996.

Partoprenis en tiu historia unua Azia Kongreso entute 584 homoj el 18 landoj. Do la kongresa skalo mem sufiĉis por esti internacia, kaj ne nur pro ĝia multnombreco de la partoprenintoj, sed ankaŭ pro ĝia bonega enhavo la unua Azia Kongreso rezultiĝis vere sukcesa kun riĉa rikolto.

Dum kvar noktoj kaj kvin tagoj la kongresanoj havis diversajn programerojn, de fakaj ĝis amuzaj. Sub la ĉefa kongresa temo, Azio kaj la 21-a jarcento, dividiĝis kvar aliaj subtemoj: ekonomio, scienco, edukado kaj Esperanto-movado. En la dividitaj temoj la kongresanoj aŭskultis la prelegojn de fakuloj, kaj aktive partoprenis en la libera diskutado per siaj preparitaj proponoj kaj opinioj. Ne mankis la programeroj fakaj: medicinistoj, goo-amatoroj, Oomotanoj, fervojistoj, komercistoj kaj ekonomikistoj kunsidis kaj diskutis pri siaj fakaj agadoj, kaj ankaŭ okazis la kunsidoj de SAT-anoj, la kunsidoj por la homoj, kiuj amas turismon pere de Esperanto. Aparte menciindas la programeroj, en kiuj oni diskutis pri tiklaj aferoj, ekzemple Seksa diskriminacio kaj Virino. La partoprenintoj de la programeroj pritraktis la temojn, kiujn ne nur esperantistoj sed ankaŭ normalaj homoj alfrontas en la reala socia vivo. Konsciencaj homoj, kiuj deziras la re-skribon de la tordita pasinta historio inter Japanio kaj Koreio en la malfeliĉa, imperiisma epoko, ankaŭ kunsidis laŭnome de Papero kaj Kapsiko.

Krom la fakaj programeroj, la kongresanoj ankaŭ ĝuis amuzajn programerojn. Oni spektis la videofilmon pri Ŝanhajo, kien ili mem poste ekskursis. Ŝanhajo estas, kiel konate, la lulilo de Esperanto-movado en Azio. Do ĝojindis, ke la kongresanoj havis ŝancon por mem ekkoni la historian urbon en la duontaga ekskurso. Rilate al la pioniroj de Esperanto-movado en la urbo oni ankaŭ havis ŝancojn aŭskulti prelegojn pri Eroŝenko, Elpin, Verda Majo. Tiuj tri historiaj figuroj, estante ne-ĉinoj, movadis kaj batalis ĉi tie por la paco kaj por la internacia lingvo. La arta vespero okazis kiel la elmontrado de diversaj aziaj kulturoj: En ĝi partoprenis ĉinaj, japanaj, koreaj, vjetnamaj, francaj kaj uzbeka esperantistoj. Tradiciaj kaj folkloraj dancoj, kantoj, muzikaĵoj kaj humuraĵoj estis prezentitaj ĉefe de la kongresanoj mem.

Nepre menciindas la sinoferemaj klopodoj de LKK kaj KAEM, kiuj fariĝis fundamento por la sukceso de la kongreso. Antaŭ la kongreso KAEM-anoj kunsidis kun LKK-anoj tri fojojn fluginte per sia propra kosto al la kongresurbo por diskuti kaj prepari. ĈEL ekspedis al Ŝanhajo veteranan fakulon por helpi la preparadon de LKK. Ŝanhajaj esperantistoj bonege kaj bonharmonie plenumis siajn penajn taskojn. La kongresanoj certe konfirmus ilian servopretecon per la memorindaj kongres-donacoj de LKK, ekz. koverto kun kogresa emblemo profesie desegnita, la sonbendo de belaj Esperanto-kantoj, tradicia ĉina ventumilo, broŝuro kaj mapo de la kongresa urbo ktp. Lokaj televidoj kaj ĵurnaloj grandskale pritraktis la kongreson.

Por ke io estu la unua, absolute mankas multaj je ĉiu flanko, precipe sperto kaj ideo

por entrepreni, sed ĉinoj ĉi-foje bonege plenumis siajn taskojn kaj montris la modelon, kiun devos sekvi la sekvontaj aziaj kongresoj.

Estis eĉ kvereloj en KAEM-kunsido dum la diskutado por decidi la duan kongresan landon, ĉar intertempe kandidatis du landoj, kiuj invitis la kongreson: Bharato (Hindio) kaj Vjetnamio. En la ferma ceremonio, kiam la prezidatno de KAEM proklamis la decidon, vjetnamaj partoprenantoj eksaltis pro ĝojo kun brua hurao. Ili donacis la bukedojn da floroj al la estraranoj. Estis ja la momento, ke la azia kongreso ne estas unuopaĵo, sed daŭra historiaĵo.

## *2.3 raportoj pri kelkaj kunsidoj (la redaktanto)*

### *2.3.1 "Kongresa temo 1 - Azio kaj la 21a jarcento" (08-22, 14:00-15:30)*

LEE Chong-yeong, prezidanto de UEA, faris bazan prelegon pri la temo:

**Ni azianoj estu pioniroj al la konstruado de la nova internacia lingva ordo!** ***(resumo de la prelego)***

Pro la libro de Marco Polo, kiu vojaĝis al Ĉinio kaj Japanio en la 13a jarcento, multaj eŭropanoj venis al Azio, kredante, ke tie troviĝas riĉaĵoj. Kaj ili alportis al Azio ne nur novan medicinon sed ankaŭ armilojn, kristanismon kaj eĉ opion. Poste Usono kaj Sovetunio prosperis super Azio. Post la disfalo de Sovetunio nur Usono regas la mondon.

Pri ekonomio nun Azio estas plej rapide kreskanta regiono en la mondo. Sendube en la 21a jarcento Azio estos la ekonomia centro de la mondo.

Pri politiko, aziaj landoj ankoraŭ ne ludas gvidan rolon, sed laŭ progreso de ekonomio en Azio, ankaŭ demokratio en Azio fariĝos matura kaj voĉoj de Azio en internacia politiko estos multe pli laŭta ol nun.

Pri militforto, Azio havas bone disciplinitan militforton sed ĝia rolo estas por enlanda politiko kaj ne ludas grandan rolon en internacia milita tereno.

Pri kulturo, kvankam multaj aziaj landoj havas sian propran kaj ofte komunan kulturon, ĝi restas kiel "tradicia loka kulturo" kaj ne povis multe influi aliajn regionojn, sed male nuntempe ili ricevas multajn influojn de okcidentaj landoj. Ankaŭ en la 21a jarcento tia tendenco daŭros.

Tiel estas kaj estos Azio, sed aziaj lingvoj ne kapablos gvidi la mondon. La mondo estas regata de politike fortaj naciaj lingvoj, sed ĝi bezonas novan internacian lingvan ordon, per kiu la homaro povos krei neŭtralan fundamenton, kaj kiu faciligos interkompreniĝon de la popoloj. Por krei la novan internacian lingvan ordon, nun Unuiĝintaj Nacioj kaj Eŭropa Unio strebas. Por esprimi dediĉon de Esperantujo al tia strebado, ĉi-somere UEA lanĉis Manifeston de Prago (vd. venontan numeron), kiu celas konstrui pli justan kaj demokratan lingvan ordon. Mi petas vin fari jenajn:

- Skribu kaj informu al nacilingvaj amaskomunikiloj pri la Manifesto de Prago, la Kongresa Rezolucio, kaj la koncepto, bezono kaj ebleco de la Nova Internacia

Lingva Ordo,

- Skribu al vialandaj reprezentantoj de UN kaj viaj deputitoj de Eŭropa Parlamento pri la bezono kaj praktika ebleco de internacia helplingvo kaj petu subteni la proponon por studo kaj la provuzo kaj provinstruado de Esperanto kiel internacia pontlingvo.

Ni azianoj estu pioniroj al la konstruado de la nova internacia lingva ordo, kiu ŝajnas atingebla! Tio ĉio estas fierinda misio de la aziaj esperantistoj en la 21a jarcento!

(Post la prelego de Lee, ĉeestantoj interŝanĝis opiniojn.)

*2.3.2 "Respondeculoj de Esperanto-organizaĵoj en Azio" (08-22, 15:45-17:15)*

Prezidis TAKEUTI Yosikazu. Ĉeestantoj diskutis pri Aziaj Projektoj proponitaj de SO Gilsu en 1990, ĉar pasis jam 6 jaroj kaj fondiĝis nova reĝimo KAEM. Oni decidis forstreki la projekton Ĉ-2 (studvojaĝo en eŭropaj landoj), kaj ke la aliaj projektoj restu same kiel ĝis nun. Ĉeestantoj volis scii, kiel staras la buĝeto de KAEM (aŭ se ne estas ĝi, pri azia fondaĵo). Oni parolis ankaŭ, ke indas fondi ian premion, kio stimulu junajn esperantistojn. DOI Ĉieko petis, ke kampanjo de monkolekto por Aziaj Projektoj okazu ankaŭ en aliaj landoj krom Japanio.

Ĉeestantaj reprezentantoj parolis pri la Esperanto-movado en sia lando. En Ĉinio ĉiuj provincoj nun havas sian Esperantan asocion; malgrandiĝis subvencioj de la ŝtato, kaj do necesas sendependiĝo de la ŝtato. Korea kaj vjetnamaj reprezentantoj parolis pri sia nacia kongreso baldaŭ okazonta, kaj invitis alialandanojn. Iuj parolis, ke en ties landoj oni ne povas reklami Esperanton kaj eldoni Esperantajn librojn pro malriĉeco de la landoj. Kontraŭ tio Ranganayakulu el Bharato parolis, ke riĉeco aŭ malriĉeco estas relativa, kaj ke do en ĉiu lando oni povas movadi laŭ siaj nivelo kaj kapablo.

*2.3.3 "Azia Movado" (08-23, 14:00-15:30)*

Prezidis Puramo CHONG, sekretario de KAEM.

Unue la prezidanto elektis temon de la diskuto: "Nun pli kaj pli malvigliĝas Esperanto-movado. Kial tio okazas, kaj kion fari?"

Ranganayakulu el Bharato: "En Bharato oni povas legi pri Esperanto en lernolibroj kaj tial eĉ infanoj scias pri Esperanto. Tial en la lando ne estas malfacilaĵo por Esperanto-movado. Doni bonan informon pri Esperanto en la nacia lingvo estas necese."

Anatoli IONESOV el Uzbekio: "En la urbo Samarkando mi fondis Internacian Muzeon por Paco kaj Solidaro. Pere de la muzeo mi konigas Esperanton al vizitantoj. En perestrojka politiko Esperanto pli bone prosperis, sed post sendependiĝo de Uzbekio pro malbona ekonomia stato malmultiĝis vizitantoj el eksterlando, kaj eksterlanden vojaĝi estas malfacile pro alta vojaĝkosto. Kvankam nuna kondiĉo ne favoras, ni klopodas iel fari."

Reza Kheir Khah, iranano nun loĝanta en Japanio parolis pri siaj spertoj dum 8 jaroj ekster Irano: pri la songazetoj "Najtingalo", pri Yumeiho, pri la nova Esperanto-domo en Jacugatake.

Hon Hac el Vjetnamio: Dum la milito oni eldonis multajn Esperantajn librojn, sed post la milito la movado stagnis. Ekde la lasta jaro oni komencis novan movadon, ŝanĝinte la nomon de la landa asocio. En ĉi tiu kongreso aliĝis 19 vjetnamoj, sed multaj ne povis reale veni ĉefe pro sia maljuna aĝo.

Iu el Honkongo: "Nun 10 personoj kolektiĝas en ĉiu unua lundo de la monato. Ni fondis la asocion kaj agadas."

Cao Thi Quy el Vjetnamio: "En Ho Chi Minh Urbo Esperanto-movado stagnas. Pro manko de mono oni ne povas propagandi per radio kaj televido, ne povas eldoni vortaron jam preparitan du jarojn antaŭe. KAEM helpu eldonon de la vortaro. Por internacia korespondado nepre metu internacian respondkuponon, ĉar internacia poŝto kostas terure."

Macleod John RODERICK, aŭstraliano loĝanta en Ĉinio: "Esperanto-movado nun stagnas pro la efikeco de la angla, ĉar ĝi alportas monon. Nun gravas disvastigo de internacia reto de amikeco kaj la ideo de Esperanto."

YAMAMOTO Sintaro el Japanio: "En grandaj urboj la movado estas malfacila, sed en malgrandaj urboj tiea agado estas pli facila, ĉar tio tiras atenton de la loka ĵurnalismo."

### 2.3.4 *"Diskutoj por gvidantoj de Esperanto-kursoj en Azio" (08-24, 08:30-10:00)*

Prezidis ĉina esperantisto.

LI Shijun el Ĉinio: "Se oni uzos Esperanton serioze en turismo, certe tio estus praktika, ĉar kvankam oni nun uzas la anglan lingvon por tiu celo, la rezulto estas ne tre sukcesa pro multaj dialektoj de la angla. Per Esperanto oni povas riĉigi la enhavon de la turismo. Kaj krome estas tre mizera rezulto de la instruado de la angla en lernejoj. Ni devas montri avantaĝon de Esperanto al la publiko. Ni devas havi kompetentajn esperantistojn kaj Esperanto-organizoj devas pensi por havi kompetentajn esperantistojn."

Ranganayakulu el Bharato: "En Bharato oni parolas multajn lingvojn kaj oni ofte ne komprenas unu la alian. Do, Esperanto helpas eĉ enlande. Por azianoj utilas miksita metodo (ordinara kaj Ĉe-motoda). Ĉiu gvidanto havas sian propran metodon, kaj necesas nur enmeti interesajn materialojn."

Iu el Ĉinio: "Ni devas instrui ne nur la lingvon sed ankaŭ la spiriton de Esperanto."

### 2.3.5 *"Librokulturo" (08-24, 10:15-11:45)*

Prezidis SYÔZI Keiko, membro de KAEM. Ŝi limigis la temon nur al lernolibroj kaj vortaroj.

Ranganayakulu el Bharato: "En Bharato franca esperantistino restis longe, kaj oni uzis lernolibron verkitan de ŝi. Post la 80aj jaroj eldoniĝis malgranda lernolibro kaj ankaŭ

mi mem verkis lernolibron en la angla, kiu estas la unua Esperanta lernolibro verkita en la angla en Bharato. Estas lernolibro en la hindia lingvo, verkita de svisa esperantisto, sed en la regiono de la hindia lingvo, estas nur malmultaj esperantistoj. Estas malfacile eldoni lernolibrojn en aliaj naciaj lingvoj, ĉar en tiuj regionoj esperantistoj estas malmultaj. Mankas aziaj esprimoj en ĝisnunaj vortaroj, kiuj ĉefe prezentas eŭropajn kulturojn. En mia vortaro estas suplemento kun aziaj vortoj."

Anatoli IONESOV el Uzbekio: "En Centra Azio Kanada Fondaĵo subvencias libro-eldonadon, sed ĝis nun eldoniĝis nur malmultaj libroj. Nun en Uzbekio estas nur ruslingvaj lernolibroj. Se eldoniĝos lernolibroj kaj vortaroj en la uzbeka, Esperanto-movado pliviglîĝos."

Reza Kheir Khah, iranano loĝanta en Japanio: "Estas sufiĉe da vortaroj en Irano."

Seed Ahmad FARANI el Pakistano: "En Pakistano estas lernolibro, vortaro kaj malgrandaj libroj por dialogo kaj aliaj. Lingva situacio similas al tiu en Bharato. Estas 4 oficialaj lingvoj en la lando. Lernolibro eldonita en la angla en Bharato helpos ankaŭ en Pakistano."

ISINO Yosio el Japanio: "Antaŭ kelkaj jaroj KLEG (Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj) enketis pri kursoj kaj regulaj kunsidoj. Plej multaj lokaj grupoj por enkonduka kurso uzas "La Unua Kursolibro"n eldonitan de KLEG, kiu konsistas el 43 lecionoj, kaj por kiun finlerni necesas unu jaro. Aliaj uzas memlerno-librojn, aŭ lernas per koresponda kurso gvidata de Numazu Esperanto-Societo, aŭ "Hanako lernas Esperanton" verkita de DOI Ĉieko ktp."

Cao Thi Quy el Vjetnamio: "Unuaj esperantistoj en Vjetnamio lernis la lingvon per la franca. Estas malnovaj lernolibroj, kiuj jam ne utilas. Jam estas preta eldoni novan vortaron kaj ni atendas vian helpon."

LI Shijun el Ĉinio: "5 kompletoj de lernolibo jam eldoniĝis. Antaŭ 40 jaroj estis nur unu vortaro, sed antaŭ 10 jaroj eldoniĝis 2 vortaroj. Nun novaj libroj sinsekve aperas."

Iu el Koreio: "Antaŭe estis vortaro de Hajpin Li, sed lastjare aperis nova vortaro de MA Youngtae. Nun estas 8 lernolibroj por komencantoj. Ne tre bonan efikon havas senpaga kurso. Utilas lernado per elektronika ret-poŝto kaj amatora radio."

ISINO el Japanio proponis havi komunan lernolibron por azianoj.

AIHARA Misako klarigis manieron de eldonado de nun preparata nova vortaro en Japanio: Unue kolekti monon kaj poste eldoni ĝin.

### *2.3.6 "Kongresa Temo 5 - Azia Esperanto-movado kaj la 21a jarcento" (08-24, 14:00-15:30)*

Prezidis Puramo CHONG, sekretario de KAEM. La diskuto estis daŭrigo de la hieraŭa "Azia Movado".

David R. CURTIS el Britio parolis pri sia sperto kun rilato de la firmao LEGO, kiu

produktas fame konatan ludilon de infanoj. Esperanto helpas reklamon de LEGO en la loko, kie la angla lingvo ne atingas, kaj la asocio ricevas subvencion de la firmao.

Iu el Ĉinio (Interna Mongolio) legis sian skribaĵon pri Unesko kaj Esperanto.

JIANG Yunlin akcentis gravecon de disvastigo de la lingvo kaj de ĝia praktika uzado.

LEE Chong-yeong, prezidanto de UEA, dividis esperantistaron en 3 grupojn: La unua ĝuas uzon de Esperanto; la dua praktike uzas Esperanton en komerco, religio, turimsmo, korespondado, komputila reto ktp; la tria ne parolas, nek uzas, sed ili estas "Amikoj de Esperanto".

## *2.3.7 raporto pri SAT-kunsido (08-24)*

*raportas TANI Hiroyuki*

SAT (Sennacieca Asocio tutmonda) havas ĉ. 90 membrojn en Japanio kaj ĉ. 30 membrojn en Ĉinio. En la unua Azia Kongreso en Ŝanhajo, ni havis nian propran kunsidon, en kiu ĉeestis 27 gesamideanoj, el kiuj 14 estis SAT-membroj (6 japanaj, 5 ĉinaj, 1 korea, 1 aŭstralia, 1 argentina), kaj post la kunsido, 3 (po unu el Ĉinio, Koreio, Japanio) esprimis deziron aliĝi al la asocio.

Prezidis la kunsidon TANI Hiroyuki, japana SAT-peranto, kaj WANG Tianyi, ĉina SAT-peranto. Ankaŭ ĉeestis Keppel ENDERBY, kiu, estante ankaŭ UEA-komitatano, donis al la ĉeestantoj precizan klarigon pri la diferenco inter SAT kaj UEA. Ni ŝuldas multon al li pri tio, ke nia kunsido ne estis teda prelego nek nura sinprezentado, sed estis gaja diskutado enhavoriĉa. Ni celis per la kunsido ne nur interkonatiĝon inter ĉinaj kaj japanaj (kaj alilandaj) SAT-anoj, sed ni celis ankaŭ diskonigon de SAT al ne-SATanaj esperantistoj. Ankaŭ tiuflanke la kunsido estis tre sukcesa, ĉar ni gajnis eĉ 3 novajn membrojn el la ĉeestantoj, des pli, ke ni sukcesis varbi membron el Koreio, kie SAT estis ĝis nun malmulte konata krom esti la eldonanto de PIV kaj PV.

En nia kunsido, post la sinprezentado de ĉiuj ĉeestantoj, sekvis mallongaj raportoj pri la SAT-statoj en Ĉinio, Japanio, Koreio, Aŭstralio kaj Argentino, kaj pri la ĵusa SAT-kongreso en Sankt-Peterburgo. Ĉiuj raportoj estis nur kelkminutaj, kaj ni lasis pli ol unu horon al demanoj kaj diskutado. Multaj el la ĉeestantoj parolis, kaj tiel ni ĝuis kontente la sennaciecan etoson de la kunsido.

Estas interese kaj bedaŭrinde, ke ĝis nun parto de esperantistoj en la mondo ankoraŭ miskonsideris SAT kiel danĝeran asocion. En Koreio oni suspektis, ke SAT estas kvazaŭ komunisma asocio, dum en Ĉinio oni suspektis, ke SAT estas kontraŭsocialima. Jes, SAT estas tiel danĝera, kiel Esperanto estas "danĝera lingvo". SAT estas supertendenca kultura asocio, kie oni rajtas libere diskuti pri plej diversaj aferoj, inkluzive pri politiko, per la neŭtrale homa lingvo Esperanto. En SAT troviĝas plej diversaj esperantistoj kun diversaj progresemaj ideoj, kaj ĉiuj rajtas esprimi sin libere en Esperanto. Ĝuste tion iuj

aŭtoritatuloj timis kaj konsideris danĝera. Ni kredas, ke dum la neŭtralismo de UEA estas praktike necesa por disvastigi Esperanton tra la mondo, la idealisma neneŭtraleco de SAT estas simbole necesa por fari Esperanton inda je disvastigo. Ambaŭ estas nemalhaveblaj partoj de la tuta Esperanto-movado.

La epokfara unua Azia Kongreso estis sukcesa, kaj ni estas feliĉaj, ke ni kunsidis en ĝi kun la nomo de nia asocio. Ni nun antaŭvidas la duan kunsidon en Vjetnamio.

*TANI Hiroyuki / Syonai-higasi-mati 3-4-6, Toyonaka-si, 561 Japanio*

## 2.4 Impresoj pri la kongreso

### 2.4.1 Mi ĝuis la kongreson!

***Yong Tet Kong, Singapuro***

Dum Interkona Vespero (08-21, vespere), mi renkontis multajn geamikojn, kiujn mi renkontis dum la Universalaj Kongresoj en Norvegujo, Hispanujo kaj Koreio, kaj mi amikiĝis ankaŭ kun novaj geamikoj.

En la 26a de aŭgusto, matene, antaŭ la solena inaŭguro, s-ro WANG Minghao invitis ĉiujn reprezentantojn de diversaj landoj al la kunvena ĉambro por renkontiĝo kun s-ro YE Gongqi, la prezidanto de la Konstanta Komitato de la Ŝanhaja Popola Kongreso. Post la renkontiĝo, la eminentuloj supreniris la podion en la salono, kaj reprezentantoj iris al la salono kaj sidiĝis en la unua vico. Kiam la Esperanta himno, "La Espero", komenciĝis, ĉiuj kongresanoj tuj stariĝis kaj kantis laŭte. La etoso en la salono estis tiel solena.

Verdire mi ne partoprenis en multaj kunvenoj. Mi ĉeestis kelkajn kunsidojn. Mi ne aliĝis al la duontaga ekskurso. Mi ĉeestis al la kunsido de Oomoto kaj ĝuis la ventroparolan programon. Tamen, mia kunĉambrano diris al mi, ke la ekskurso estas vizitinda.

Iun nokton, mi ĉeestis al la Artan Vesperon. La geaktoroj ne estis profesiaj, sed amatoraj samideanoj el kelkaj landoj: Ĉinujo, Japanujo, Koreio, Francujo, Argentino, kaj Uzbekio. Ili prezentis dancojn, kantojn kaj parolis ŝercajn vortojn. La nivelo de ĉi tiuj amatoroj estis tre altaj, laŭ mi. Mi ĝuis ĉiujn amuzajn programerojn. Aparte sesjara eta knabino, kiu estas denaska esperantistino, supreniris sur la podion kun siaj gepatroj kaj kantis kaj dancis. Ŝi estas tre inteligenta, lerta kaj sperta. Ŝi eĉ invitis viron sur la podion kaj desegnis lian portreton.

Alian nokton, mi ĉeestis la mondfaman akrobatan elmontradon. La geakrobatoj estis lertegaj kaj spertegaj. La elmontrado estis tre plaĉa al mi.

Finan tagon, la prezidanto anoncis, ke la Dua Azia Kongreso okazos en Vjetnamio. La vjetnama reprezentanto supreniris la podion kaj la prezidanto transdonis la verdastelan standardon al la reprezentanto kiu poste invitis ĉiujn al la Dua Azia Kongreso.

*Yong Tet Kong / 20-Stevens Close, Singapuro 257961*

### 2.4.2 *Sukcesa sed ...*

***YAMASAKI Seiko***

La kongreso estis rimarkinde sukcesa sed ankaŭ ĝi montris al ni ekster Ĉinio kiel larĝa estas la diferenco de niveloj inter Azio kaj Eŭropo. Mi tamen ne estis pesimisma, ne tute kontraŭe mi agnoskas gigantan potencialon kaŝitan en tiu enorma kontinento. Ankaŭ ni koreoj kaj japanoj estis nespertaj antaŭ generacio. Ni petas alikontinentanojn ne esti indulgemaj al ni kun milda malestimo kaj dolĉa laŭdo.

Kiam la ideo de azia kongreso estis levita en la seula universala kongreso en 1994, mi kontraŭis, ĉar tio neelteneble subpremus finance japanojn, devantajn ĉeesti, krom universalajn, aziajn kongresojn. Anstataŭe mi sugestis pliivigligon de partopreno en najbarlandaj naciaj kongresoj, kiel faras la eŭropanoj. La koreaj samideanoj refutis, dirante ke internaciaj kongresoj havas etoson distinge alian ol la naciaj, kaj ebligus azianojn sperti ĝin, azianojn kiuj ne kapablas partopreni en UKoj. Ni japanoj cedis, sed kondiĉe ke ĝi ne okazu ĉiun jaron, sed unu fojon en du aŭ pli prefereble tri jaroj. Alia apudprodukto de tio estis starigo de Komisiono pri Azia Esperanto-movado (KAEM) sine de UEA.

Dum la varbado de la ŝanhaja kongreso, mi ankoraŭ sentis ke ĝi estas nur speco de ĉina landa kongreso en kiu multe pli multaj koreoj kaj japanoj ol antaŭe partoprenos: tio estis vera se oni rigardis statistikon de aliĝoj. Kaj ĝia sola frukto estas antaŭeniĝo de la ĉina movado, je la kosto de koreoj kaj japanoj. La lasta figuro tamen rivelis ke la intencita tasko estis plenumita: 584 el 18 landoj kun varioj superirintaj mian anticipon, ekz. el Vjetnamio venis dudeko. La organiza komitato pruvis sin efikaj laborantoj. Kompreneble, troviĝis multaj mallertecoj, sed ili venkis ilin kun granda determino. La ĉefa bedaŭrinda difekto estis manko de akumulo de pasintaj spertoj; kiel malaperis tiu organiza kapablo de prizorgantoj de la pekina UK kaj de pacifika kongreso en Qingdao? Tio tamen estas antaŭvidebla. Ĉiu urbo de Ĉinio estas kvazaŭ apartaj landoj en tiu vasta landego. Lastatempa registara politiko de liberigo metis civilajn agadojn kiel la Esperantan en financan malfacilon. Moviĝo enlanda estas malhelpata de la alta veturkosto. La ŝanhajaj samideanoj devis komenci ekde la unua stadio. Helpis multe la prezidanto de KAEM, TAKEUTI Yosikazu, kiu multajn fojojn vojaĝis al Ŝanhajo je la elspezo el sia propra poŝo, kaj konsilis la organizan komitaton ĝis plej malgrandaj detaloj en la programo.

Envere, tiu kongreso estis markita de la iniciativo de KAEM. Takeuti rolis kiel faras tion la prezidanto de UEA en UK: li malfermis la kongreson, festparolis ktp. Alia granda kontribuo estas niaj pekinaj samideanoj, kiel TAN Xiuzhu, komitatano de UEA, kiuj estis sur la podio kaj suplementis funkciojn de la organiz-komitatanoj WEI Yuanshu kaj la juna WANG Minhao, kiuj regis nian lingvon perfekte. La dojeno CHEN Yuan, membro de la honora patrona komitato de UEA, impresis per sia festparolado, sen enmana manuskripto

kaj sin interpretante mem en la ĉina sinsekve, emfazante la revolucian spiriton de ĉinaj esperantistoj.

Bedaŭrinde, tiuj paroladoj estis malhelpataj, ĝis preskaŭ neaŭdebleco, de infera bruo en la halo kaŭzita de babilado inter partoprenantoj, kiuj supozeble ne komprenas Esperanton. Tio neniam okazas en UK. Iu amerika ĉeestanto priskribis ĝin "cirko". Temas ne nur pri lingva kapablo, sed pli elemente, pri simpla deco. Se mi estus sur la podio, mi estus skoldinta je kiom ajn estus kosto de malplaĉo al mi, sed la prezidantaro montris senfinan toleremon: mi konvinkiĝis ke tio malutilis la movadon, solaj tiuj kiuj ne timas sin kritiki progresas.

Alia faktoro kiu kondukis al tiu malordo estas troa longeco de la malferma soleno: daŭris paroladoj de eminentuloj neesperantistaj, kio tedis. Tio estas neevitebla en socialista lando: oni devas akiri permeson pri ĉio pensebla. La prezidanto de UEA, doktoro LEE Chong-Yeong, kiu venis ĉi tien, varbis s-ron YE Gongqi, prezidanton de la urba popolkongreso, al amikoj de Esperanto.

Ripetiĝis fenomenoj de la malfermo en fakaj kunsidoj. En iuj prezidis loka esperantisto, sed en iuj nenia aranĝo estis farita, kaj mi, preparinte 20-minutan prelegeton en la kongrestema fakkunsido pri la azia ekonomio kaj la 21a jarcento, trovis ke sin trovas neniu prezidanto en la kunsido kaj mi devis mem prezidi. Post mia enkonduko, mi petis intervenon, kaj iu post alia legis, jes laŭlitere legis, preparitan manuskripton longan, sen emfazo nek improvizo, indiferente ĉu rilatas al la temo, ĉu koncernas mian raporton. Mi ofte interrompis, demandante kio estas lia propra opinio, ne citoj de libroj de aliaj, kaj postulante lin esti konciza, de temp' al tempo demandante kion li pensas pri iuj problemoj kiuj ŝajnas gravaj aŭ kiuj defias iun tezon komune akceptatan, sed vane, ili dankas al mia averto kaj daŭrigas legadon de sia teksto sen ia ajn atento al mia averto. Al diskutoj kontribuis eksterlandaj ĉeestantoj. Temas ne nur pri lingva nivelo, ili ne scias kiel debati por atingi pli altan sintezon.

Venas al la kongreso, kiuj interesiĝas nur pri sia propra negoco. En la kunsido de la Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo (IKEF), mia kunprezidanto WANG Tianyi flustris al mi, kiam neniu jesis nek neis al liaj du gravaj proponoj, ke la plejparto de tiuj kiuj estas en tiu ĉi salono ne komprenas kio progresas sub siaj okuloj pro la manko de lingvokono. Absolute ne atentante la diskuton (se ili atentus, ili ne komprenus), ili sin okupis pri individuaj negocoj en la ĉina.

Komercismo kolorigas la tutan ĉinan socion. En postkongreso, loka (neesperantista) ĉiĉerono kondukis nin al senfina vico da vendejoj, pri kiuj japanaj partoprenantoj ne interesiĝis, kaj eĉ koleris kiam ni insistis sur vizitoj al historiaj lokoj anstataŭ marĉandado en butikoj, ĉar tio malmultigus lian tantiemon en la vendoj. Nia esperantista ĉiĉerono, tre honesta movadano, diris ke tio estas hontinda afero. Tiom longe kiom sin trovas tiaj konsciencaj esperantistoj, la ĉi-landa movado havas gloran estontecon. En kapitalismaj

landoj, konkurenco estas tiel feroca inter ekonomiaj gigantoj ke esperantistoj, en la plimulto de l' okazoj ties dungitoj, ne interesiĝas pri privata komerco, dum en eks- kaj nuna tiel nomataj socialismaj landoj, ĉiuj amatoroj estas komercistoj sen eĉ la kono pri tio kio estas akreditivo. Tiu komercismo naŭzas.

Laŭ la raporto en la ferma soleno, en kunsido pri decido de la sekva kongresurbo estis ardaj diskutoj, eĉ kvereloj, sed ili decidiĝis favore al Vjetnamio. Mi individue favoras Bharaton, aŭ kiel plaĉas eŭropanoj Hindio, pro tio ke ĉi ties preparlaboro iris pli fore ol ties kaj ke la vjetnama asocio ankoraŭ ne akiris registaran agnoskon, sen kiu okazigo de internacia kunveno ne eblas. KAEM faris paŝon envolvantan riskon, kion ne faras prudenta komercisto. La hindia delegito, Ranganayakulu, favorato de la akademiano Probal DAŜGUPTO kaj universitata profesoro pri ajurvedo, spertis seniluziiĝon. En la 20-kapa vjetnama delegacio, kiu entuziasme pledis por la okazigo de la kongreso en sia lando, kapablis komuniki en Esperanto nur manplenon, kio tamen estas komprenebla ĉar esperantistoj instigis neesperantistajn funkciulojn veni al Ŝanhajo por ke ili vidu Esperanton viva. En Azio ofte okazas io enigma por eŭropanoj.

La plej interesa programero estis SAT-kunsido. Mi ne ĉeestis en SAT-kongreso (se mi farus tion, mi estus jam bankrotinta), kaj ne okazas SAT-kunsido enkadre de UK. La azia kongreso estas unika se nur pro tiu ĉi. Prezidis la japana profesoro de lingvistiko kaj la mongola, TANI Hiroyuki. Kolektiĝis lingve kaj enhave pli altnivelaj aziaj kaj neaziaj. Iu ĉeestanto diris ke li ne trovas tiel interesan kunsidon en UK. Venis la sola SATano en Koreio. Iu neaziano parolis pri tio ke en lia lando multaj pensas ke diktaturo revenos kaj ke SATanoj devas esti objektoj de reprezalio, kio eksplikas la mankon de SATanoj en lia lando, sed li daŭre estas tio spite de tiu ebleco. La aŭstralia eksjuĝisto Kep ENDERBY serene eksplikis ke SAT ne estas politika, sed eduka organizo sed ke ĝi estas maldekstrula, kio igas lian bonan amikon, kleran, fore de SAT. Rara birdo estis juna ĉino kiu estas prospera komercisto kaj SATano, lingve super la ĉina nivelo cetere.

*YAMASAKI Seikô / Higasi-Koigahuti 3-18-12, Kokubunzi-si, 185 Japanio*

## 2.5 Kongresa Deklaracio de la Unua Azia Kongreso en Ŝanhajo

Ni, aziaj esperantistoj, kongresante por la unua fojo inter azianoj mem en la historia urbo Ŝanhajo, ĝoje konfirmas, ke Esperanto, la internacia lingvo, tre sukcese kaj bonege funkcias kiel la komuna interkomunikilo inter azianoj. Ni, homoj venintaj el diversaj landoj en Azio tute senprobleme kaj sendepende de iuj ajn etnaj lingvo de potencaj landoj, disdonis la amikecon, diskutis pri la estonteco de nia regiono. Ni, dum la kongreso, sentas nin vere forte ligitaj unu kun la aliaj en unu familio, ĉar ni uzis nur unu komunan neŭtralan lingvon tute senrilate al la ekonomiaj kaj politikaj fortoj de sialandaj nacioj.

Ni, aziaj esperantistoj de la landoj ĉu progresintaj, ĉu progresantaj ankaŭ ĝoje

konfirmis, ke Esperanto kreita kiel la paciga lingvo por la tuta homaro, funkcias ne nur kiel la ideala helpilo por pacigo kaj amikigo de homoj, sed ankaŭ kiel la scienca helpilo per kiu oni interŝanĝas fakajn sciojn. Esperanto do estas grava socia fenomeno, al kiu devas atenti ĉiuj registaroj, instancoj kaj ĉiuspecaj intelektularoj kaj la homoj mem kun bona volo kaj konscienco, ĉar ĝi vere ebligas al homoj la egalecon kaj demokratiecon trans la ĉiaspecaj obstakloj kaŭzataj de la malsamo de kulturo, riĉeco kaj pensmaniero.

Do surbaze de tiaj konfirmoj, ni, partoprenantoj de la unua Azia Kongreso, jen deklaras al la mondo:

Unue, Esperanto, kvankam kreita surbaze de hind-eŭropa lingvo, bonege funkcias kiel la komuna interkomunikilo ankaŭ en azia regiono. Do nia movado por disvastigi la internacian komunan lingvon absolute bezonatas ĉie en la mondo trans iaj ajn geografiaj kondiĉoj, kaj ni strebos daŭrigi nian valoran movadon por realigi pli bonan, justan kaj demokratian mondon.

Due, por la ideala celo de Esperanto por pacigi la tutan homaron pere de unu neŭtrala komuna lingvo, kaj ankaŭ pro la neignorebla efika funkcio de Esperanto kiel la interŝanĝilo de sciencaj kaj fakaj scioj ni alvokas ĉiujn registarojn kaj intelektularojn montri grandan intereson kun favora kaj morala subteno.

Trie, ni aziaj esperantistoj, konfirmante, ke la Azia Kongreso vere estis bona evento por akceli regionan movadon en Azio, kaj ke ĝi ebligis ĝui internacian kongreson egale al la homoj en progresantaj landoj en azia regiono sen granda ekonomia risko, anoncas, ke la Azia Kongreso daŭre okazos en aziaj landoj.

Ŝanhajo

aŭgusto 25 1996

## 2.6 *Saluto de la vjetnama delegacio*

Respektata sinjoro, la prezidanto de UEA,

Respektataj estraranoj de KAEM,

Estimataj gesamideanoj,

La vjetnama delegacio kortuŝite ricevis la novaĵon, ke KAEM decidis ke la dua Azia Kongreso okazos en Vjetnamio.

Tio estas por Vjetnamio granda honoro, kiu certe entuziasmigos la vjetnaman esperantistaron.

Ni elkore dankas la prezidanton de UEA kaj la estraron de KAEM, kiu multe zorgis nian Esperanto-movadon.

Ni konscie rekonas nian grandan respondecon. Tial post la kongreso ni tuje eklaboros por la organiz-preparado de la dua kongreso.

Ni fidas al la gvido kaj helpo de KAEM por realigi nian taskon. Ni esperas ankaŭ

lerni el la spertoj de Ĉina Esperanto-Ligo pri la bona organizado de tiu kongreso.

Ni atendas subtenon de la esperantistaro de Azio kaj de la tuta mondo. Ni bonvenigos ĉiujn gesamideanojn de la tuta mondo.

Dankon pro via fido. Ĝis revido en Vjetnamio!

## 2.7 *Jam eklaboras vjetnamaj esperantistoj por la dua kongreso*

*Letero de LE Tuyet Thanh, Vjetnamio*

Estimata s-ro TAKEUTI Yosikazu!

Antaŭ ĉio, je la nomo de la vjetnama delegacio, mi sendas al vi korajn dankojn pro via zorgo kaj helpo dum la Unua Azia Kongreso.

Tuj post nia reveno en nia lando, mi raportis al la estraro de Vjetmana Esperanto-Asocio pri la granda sukceso de la kongreso kaj la grava decido de KAEM organizi la Duan Azian Kongreson en Vjetnamio. Tiu novaĵo estis tre bone akceptita kaj multe entuziasmigis la vjetnaman esperantistaron. La prezidanto de VEA, s-ro Nguyen Dinh Hien, estas nun respondeca de la peto de la oficiala permeso de nia registaro por organizi la kongreson. Mi estas certa, ke tio ne estas malfacila.

En la 15a de septembro, mi sukcesis organizi kunsidon de esperantistoj kaj subtenantoj de Esperanto en nia urbo por raproti pri la sukcesaj razultoj de la Unua Kongreso kaj pri la organizo de la Dua Kongreso en Vjetnamio. Ĉirkaŭ 100 aŭdintoj ĉeestis en tiu kunsido. Oni aplaŭdis la iniciaton de KAEM organizi la kongreson, kies partoprenintoj estis ne nur esperantistoj, sed ankaŭ subtenantoj de Esperanto. Mi tre ĝoje sciigas vin ke la vjetnamaj kongresanoj post la kongreso iĝas aktivuloj, ĉar ili povis propraokule vidi la utilecon de Esperanto kiel internacia lingvo por egale komunikiĝi kaj amikiĝi kun eksterlandaj batalantoj por la paco kaj la prospero komuna en la tuta mondo.

Ni intencas starigi planon por la preparado de la venonta Dua Azia Kongreso, atendante permeson de la registaro. Bonvolu doni al ni konsilojn pri tio. Ni kontaktiĝos kun eks-LKK en Ŝanhajo por lerni de ĝiaj spertoj.

Kun sinceraj salutoj

*LE Tuyet Thanh (vicprezidantino de VEA)/ 25-3 Truong Dinh Q. 3, TP Ho Chi Minh, Vjetnamio*

# 3. *Atentigo al legantoj*

Karaj legantoj!

Por ŝpari monon por eldonado de ĉi tiu bulteno, ni decidis malmultigi ricevantojn, interalie de eŭropaj landoj. Ni sendos nur al komitatanoj de UEA. Se vi estas eŭropano aŭ usonano aŭ ano de aliaj okcidentaj landoj kaj volas daŭre ricevi la bultenon, bonvolu sendi

al la redaktantoj 16 internaciajn respondkuponojn jare. Ni sendos al vi 4 numerojn. Se vi estas afrikano aŭ mez- kaj latinamerikano kaj volas nepre ricevi la bultenon, skribu al la redaktantoj pri tio. Se vi estas aziano, vi rajtas ricevi kiel ĝis nun. Sed se vi povas, laŭeble pagu iom da sumo al via landa asocio, kiu sendu la sumon al UEA, menciante ke ĝi estas por Azia Projekto, kaj samtempe informu nin pri tio. Se ne ekzistas landa asocio, sendu internaciajn respondkuponojn laŭ via eblo (ne necesas sendi multe, sed ĉiujare). Se vi ne povas pagi, sendu al ni raporton de la Esperanto-movado en via loko aŭ ian artikolon al la bulteno. Tiel vi ĉiuj povas kontribui por la movado. Iom post iom ni malmultigos eldonkvanton. Sed ni des pli ĝojus, se ni povus multigi eldonkvanton, pro tio ke ni ricevus multan monsumon de abonantoj kaj multajn leterojn de aliaj gesamideanoj.

## 4. *Ricevitaj organoj*

4.1 **"ESPERANTO EN SINGAPURO"** La bulteno de la Esperanto-Asocio (Singapuro); n-ro 53 (1996-08); A-5; 8-paĝa; tri-lingva (Esperanto, la angla kaj ĉina); eldonas Singapura Esperanto-Asocio / Tanglin P.O. Box 663, Singapore 912423

***Enhavo:*** Nacia Tago, Malaja Folkloro, Nacia Himno, Eŭropa Komunumo, la internacia lingvo ktp.

4.2 **"Tutmondaj Scienco kaj Tekniko"** 1996-2 (1996-06-10); A-4; 60p. du-lingva (Esperanto kaj la ĉina); eldonas Eldonejo Tutmondaj Scienco kaj Tekniko / Esperanto-Asocio, Academia Sinica, 52 Sanlihe, 100864 Beijing, Ĉinio; fakso: +86-10-6851-2458

***Enhavo:*** Scienca Forumo, Ĉinio kun flugiloj de scienco kaj tekniko, Antaŭkonjekto pri estonteco, Sciu sciencon, Progreso de scienco kaj eduko, Misteroj en la universo, Kuracado kaj sanprotektado, Voĉo de Esperanto, Terminaro

4.3 **"Tutmondaj Scienco kaj Tekniko"** 1996-3 (1996-09); A-4; 48p.

***Enhavo:*** Scienca Forumo, Ĉinio kun flugiloj de scienco kaj tekniko, Globaj scienco kaj tekniko, '96 Internacia Esperanta Somera Semajno por Geknaboj kaj Gejunuloj, Progreso de scienco kaj eduko, Krestomatio, Kuracado kaj sanprotektado, Leterkesto, Terminaro

4.4 **"Litova Stelo"** 1996-4 (1996-julio-aŭgusto); 16.5x23.5; 32p. nur Esperanta, eldonas Litova Esperanto-Asocio / p.k. 167, LT-3000 KAUNAS, Litovio

***Enhavo:*** fabelo, poemoj, Mozaiko de litovia vivo, lingva angulo, Kiel mi lernis kaj instruis Esperanton (de Antanas Merkys), nova kursolibro pri "Gerda malaperis", raportoj, enigmo.

## 5. Korektoj

***5.1 Telefon- kaj faks-numeroj en Ĉinio estas ŝanĝitaj:***

Ĉina Esperanto-Ligo / tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

"El Popola Ĉinio" / tel.: +86-10-6852-2031

Ĉina Radio Internacia / tel.: +86-10-6609-2381

***5.2 Adreso de Korea Esperanto-Asocio en n-ro 24 (p. 9) estas erara. Korektu kiel jene:***

Nagwondong 58-9 #1, Chongnogu, SEOUL 110-320, Koreio

## 6. Kontribuoj

Post la raporto en n-ro 24 jenaj 47 personoj kontribuis por la azia movado sume 204,792 japanajn enojn.

ABE Hirojuki, AIHARA Misako, AKADA Joŝihisa, ANREONI Francis, CURTIS David R., CURUTA Ŝizuo, DESAILLU Paul Joseph, EGAŬA Harukuni, GAO Zhenxing, HIROSE Kanae, HORI Jasuo, HUKAHORI Joŝihumi, ISOBE Hiroko, JAMAZOE Saburoo, JANO Keiko, JUNOKAŬA Mikio, KARIBE Riiĉi, KATOO Keiko, KENMOCU Kensaku, KIM Yang-sun, KOBAJAŜI Cukasa, KOBAJAŜI Utako, KOSAKA Kijojuki, KURIJAMA Hitoŝi, MIJAMOTO Iĉiroo, MIJOŜI Ecuroo, MINABA Ŝigeru, MINE Joŝitaka, MISAŬA Joŝiroo, MIZUNO Joŝiaki, NAGURA Sadako, NIŜIMURA Naĉiko, OKUDA Hiroko, OOCUKA Jasuŝi, OOSAKI Jaeko, SAITOO Cume, SASAKI Ricuko, SCHMID Wilhelm, SCHULZE Cathy, SOMEKAŬA Takatoŝi, SUGANO Takeo, ŜOOĴI Keiko, TAI Hisajuki, TAKAHAŜI Nacuko, TAKASE Joŝiko, UEDA Tomohiko, ZHANG Yongle

**Vian kontribuon al Projektoj por Azia Movado ni elkore atendas.**

**Atentu 3-an rublikon sur la paĝo 19.**

***•Parolas la redaktantoj:*** Post la Unua Azia Kongreso de Esperanto jam pasis preskaŭ kvar monatoj, kaj nun en ĉi tiu numero vi legas raporton pri la kongreso, sed redaktanto (d.ĉ.) povis ĉeesti ne ĉiujn kunsidojn. Tial ĉi tie aperas nur raportoj pri kunsidoj, kiujn ŝi povis ĉeesti, kaj pri SAT-kunsido, pri kiu sendis raporton s-ro Tani. La redaktantoj do petas ke ankaŭ respondeculoj de aliaj kunsidoj sendu raporton. Atendataj estas ankaŭ impresoj kaj kritikoj pri la kongreso. Kritikoj povas esti maldolĉaj. Laŭdoj povas kuraĝigi laborantojn sed ankaŭ kritikoj povas plibonigi venontajn kongresojn kaj progresigi nian movadon. Baldaŭ estos jarfino, kaj esperebie aperos ankoraŭ unu numero en ĉi tiu jaro. (1996-12-09)